# PENSEO

*N-ro 159*

*jan./2005*

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 16-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm


**Guo Moruo** (1892-1978)

## Stratoj Sur la Ĉielo

Ekbrilas strataj lampoj en malproksimo,
kvazaŭ steloj flagrus jen kun glimo.
Sur la ĉielo ekaperas steloj,
kvazaŭ strataj lamoj lumus kun sublimo.

En imago mia, sur la ĉielo nebuloza
ekzistus certe stratoj belaj.
La varoj en bazaroj la ĉielaj
certe montrus sian econ kurioza.

Rigardu, Lakta Vojo malprofunda
aperas ne tre larĝa nek akvo-abunda.
Bovpaŝtist' kaj Teksistino* disigita de la Vojo
frekventus ofte per bovrajd' kun granda ĝojo.

En tiu ĉi momento, kredas mi,
ili vagus tra ĉielaj stratoj kun emoci'.
Jen la falstelo brila tra la ĉiel-oceano,
ĉu ĝi ne ŝajnas lantrno en ilia mano?

*Bovpaŝtisto kaj Teksistino estas figuroj en ĉina legendo. Ili enamiĝas unu la alian, sed ili ne povas kuniĝi pro la disigo de Lakta Vojo. Ĉiujare la sepan de la sepa monato laŭ ĉina kalendaro ili havas ŝancon renkontiĝi per la ponto formita de pigoj.




elĉinigis **Vejdo**

## Kamelo

Vi —— la ŝipo en dezerto,
mont'vivanta!
En mallumo,
levas vi la kapon alten,
gvidante vojaĝantojn
al la horizonto de aŭroro.

En pluvŝtormo,
vojaĝantoj
apogante sin al vi
travivas malfacilojn.
Vi — nobla kreitaĵo de Naturo,
vivo kaj konfido,
neforgesebla varmo.

La printempa vent' oazon vekas,
dolĉa fruktoj pendas sur dezertaj arboj,
ĉie regas verdo herba kaj fontoj fluaj.
Belaj sonĝoj
flugas kiel papilioj riĉkoloraj:
senlima sabla tero
fariĝis kamp' fekunda.

Jen fajrlumaj nuboj aras ĉe la horizonto.
Longa Marŝo ne toleras
la tagon kiam la marŝad' ĉesiĝos.
Eĉ se ni atingus la ekstremon de l' terglobo,
ankoraŭ ja troviĝus bona li lok' ekstere.



Vi, kamel' — raket' interplaneda,
misil' vivanta!
vi ekipas vojaĝantojn

per kuraĝ' giganta.
bonvole gvidu nin antaŭen
por ĉiam, ĉiam.

elĉinigis **He Dong**

## Antikva Rakonto

# Instruitulo Qian de Wujiang

En la komenco de Wanli-erao (1573-1620), Ming-dinastio, vivis en vilaĝo de Wujiang-gubernio fraŭlo Yan, filo de riĉulo. Post forpaso de sia patro Yan ankoraŭ ne edziĝis. Okaze s-ro Gao de la Okcidenta Monto havis filinon, famkonatan kiel belulino. Jam delonge Yan informiĝis pri ŝia beleco, kun sopiro li sendis svatistinon peti ŝian manon.

S-ro Gao volis elekti bonan bofilon, tial li postulis intervidiĝon kun ĉiuj petantaj fraŭloj.

Tamen Yan aspektis ne tre bela, li do petis helpon de sia kunlernanta kuzo---instruitulo Qian, ke Qian vizitu anstataŭ sub la nomo de Yan.

Vidante la belan fraŭon Qian, s-ro Gao tre ĝojis kaj en kontento li konsentis la svatpeton.

Ankaŭ Yan tre ĝojis pro la sukceso de sia artifiko.

Okaze de la nupto, s-ro Gao postulis ke la novedzo persone alvenu transvojaĝante Taihu-lagon bonvenigi la novedzinon. Fakte s-ro Gao intencis puklike pavi sian fierindan bofilon antaŭ najbaroj.

Timante fuŝigon de la nupto, Yan interkonsiliĝis kun la svatistinon kaj refoje petis helpon de sia kuzo instruitulo Qian. Kiam Qian, sub nomo de Yan, alvenis la hejmon de s-ro Gao, tie okazis solena bankedo por multaj gastoj.

Kiam la bankedo iris duone, ekokazis ventego, kiu malebligis vojaĝon de la ŝipo de novedzo.

Por ne forlasi la bonaŭguran horon, s-ro Gao proponis ke la nupto okazu en lia domo.

Insruitulo Qian pene rifuzis la proponon de s-ro Gao.

La sekvan matenon, la ventego blovis ankoraŭ pli furioze, kaj eĉ neĝis.
Ĉiuj gastoj ankaŭ persvadis la novedzon. Vole-nevole instruitulo Qian devis konsenti okazigon de nupto en la hejmo de s-ro Gao.

Li kaŝe diris al la lakeo de Yan:"Mi donu jxuron antaŭ dioj, ke mi certe ne perfidu vian mastron kaj sukcecigu lian edziĝon."
La lakeo nur jesis responde, tamen ne kredis lian ĵuron.

La trian tagon post la nupto, vento iom mildiĝis.

S-ro Gao ankoraŭ volis teni la nov-geedzojn, sed bofilon neniel konsentis plu resti. Gesinjoroj Gao do preparis ŝipon kaj persone akompanis la novgeedzoj vojaĝi.

Tiam la lakeo de Yan jam forrapidis per malpea boato kaj revenis la unua raporti al Yan.

La malbona vetero dum tagoj jam sufiĉe ĉagrenis Yan, nun aŭdinte la raporton ke instruitulo Qian jam anstataŭ li plenumis la ceremonion de nupto, Yan eksplodis per koleregо.

Yan venis al la kajo. Kiam Qian ĵus surbordiĝis, antaŭ ol ekparoli, Yan jam donis al Qian pluvon da batoj kaj insultoj.
La bopatro s-ro Gao estis ŝokita de la neatendita akcidento. Li ne komprenis kio okazis. Post insista petado, li fine sciis pri la tuta afero. Kaj li tuj akuzis al la guberniestro.

Instruitulo Qian konfesis:"Ĉar mi vivtenis de mia kuzo, tial mi agis laŭ lia ordono. Kvankam dum tri tagnoktoj mi estis kun la novedzino, tamen mi neniam demetis mian veston nek tuŝis ŝin."

La guberniestro sendis ekzameni, kaj trovis ke la novedzino ankoraŭ restis virgulino.

Yan sentis grandan penton. Li konsentis daŭrigi la geedziĝon.

Sed la bopatro s-ro Gao malkonsentis. Li opiniis ke lia filino ne devas havi duafojan nupton.

La guberniestro do verdiktis ke la novedzino apartenu al instruitulo Qian, kaj la svatistino estu punata.

Tiel instruitulo Qian geedziĝis kun la filino de s-ro Gao. Ĉar Qian estis malriĉa klerulo, li havis bonstatan familion dank' al sia edzino.

Pri la supra evento oni verkis novelon "Misakiro de Nova Edzino " kaj donis al la protagonistoj jenajn nomojn: fraŭlo Yan havis propran nomon Jun, instruitulo Qian havis nomon Qing, s-ro Gao havis nomon Zan, kaj la svatistino nomigxis You Chen. Verdikto de la guberniestro legiĝis jene:
Ke Gao Zan elektis bofilon por parigi al sia filino, tio estas ordinara faro.

Ke Yan Jun pruntis alian homon por sin maske beligi, tio estas mirinda elpensaĵo. Kiu povis imagi ke la elektita bona bofilo estis anstataŭigo de bovo per ŝafo.

Kvankam la okcidenta najbaro malkontentis, tamen li finfine ne povis nomi cervon ĉevalo.

Dufoja vojaĝo trans lago – simila al tiu de helpema Liu Yi.

Trinokta memrego – bonvirta kiel Lordo Guan Yu.

Jen la dio Vento svatis, kaj la Ĉielo parigis.
Bona instruitulo edziĝis al la bela fraŭlino, ja taŭgas ambaŭ flankoj.

Ke tiu, kiu celis aliri edzinon, tamen perdis novedzinon, tion kaŭzis lia propra kulpo.

Filino de s-ro Gao estu edzino de Qian Qing, por ili jam ne necesas duafoja nupto. Yan Jun kaj faris trompon antaŭe kaj batojn poste, ambaŭfoje estis kulpa.

Ĉar lia ruzaĵo finfine ne realiĝis, lia kulpo do estu ne plu juĝota. Tamen lia pago por nuptdonaco devas servi kiel tiu de Qian Qing, por nuligi lian kulpon bati homon. La svatistino You Chen, kiu ir-revene agitis inter du familioj por trompi, kaŭzis tiun kazon, kaj meritas gravan punon!

Poste s-ro Shen Boming verkis novelon pri tio.

Tradukis Guozhu el la volumo II p.44 de "Amrakontoj"

## Se Viestus Roz'

**Zheng Danyi**

se vi estus roz'
riverencu en ĉi fajra somero profunde

ambaŭ floro antaŭhieraŭa kaj postmorgraŭ vi ja estus
se vi amus min
se vi kiel rozo fajrus per feliĉ'

do vi marŝu tra inkub'
piku vian dornon jen en mian karnon

sed mi — ne ĉi tie restas
vagas mi en la ĉiel' pli alta

se vi estus roz'
turnu vian pezan kap' al mia voj' somera
pendiĝu malalte, alkroĉiĝu firme vin alk via first'

se vi amus min
kiel rozo vi doloru en malpleno



elĉinigis Kanglong

**Hu Shi** (1891-1962)

## Espero

El la mont' mi venas,
orkideon tenas.
Plantas ĝin mi,
por florad' seri'.

Mi prizorgi penas
sed florad' ne ve nas.
maltrankvilas mi
pro.ŝos-apati'.

Tuj l' aŭtun' alvenas,
ĉambren ĝin mi tenas.
Ĝis printempas ree,
ĝi prosperu tree.

elĉinigis **YangFang**

Liu Bannong (1891-1934)

## Kiel Ne Sopiras Mi al Ŝi?

Sur la ĉielo vagas svagaj nuboj,
surtere blovas jen kaj jen zefiro.
Aĥ!
Karesas la zefiro miajn harojn,
kiel ne sopiras mi l ŝi?

Sunlumo enamiĝas al la maro,
la maro enanimiĝas al sunlumo.
Aĥ!
En la nokto miel-dolĉa,
kiel ne sopiras mi al ŝi?

Surakve falfolioj fluas lante,
subakve naĝas fiŝoj jen senĝene.
Kion diris vi, hirundoj?
Kiel ne sopiras vi al ŝi?

Velkantaj arboj skuas en malvarma vento.
Sovaĝa fajro brulas en krepusk' vespera.
Aĥ!
Sur ĉielo okcidenta pendas iom da nuberoj,
kiel ne sopiras mi al ŝi?

elĉinigis **Kulo**

## Mia Solidigo

Yu Guangzhong
ĉi tie, en koktelo la internacia
mi restas glacipec' dehgeli rifuzanta —
malvarma kun temperatur' nul-grado
rigida kiel solidaĵ' senŝanĝa

Mi origine estas tre tre likva
fluema kaj bolema
ludema gliti sur la ĉielarko

sed fore distas sun' la ĉina
mi kristaliĝo, diafana kaj solida,
neebla ree veni al mi mem.

elĉinigis **Niu Niu**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@elerno.net
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊